


MONATA BULTENO - Jaro III - N-ro 15/85 - Porto Alegre - RS - Cr$ 500

BULTENO DE ESPERANTO SOCIETO DE PORTO ALEGRE

AŬGUSTO DE 1985




LIGA BRASILEIRA DE ESPERANTO
Brazila Esperanto - Ligo (BEL)
Praça da República, 54 - 2º
20211 - Rio de Janeiro - RJ

1887 - 1987

# ESPERANTO

**Lingvo Internacia**

NIA LINGVO

Preĝeja sonorad' en horo de silento
el temp' antaŭa longe forgesita
infanan kredon vekas nedubantan...
La samon sentas mi, aŭdinte el torento
de l' brua parolad', el homamas' miksita
subite sonon klaran esperantan.

Herbert Hesse
(el la libro Sonoj Novaj
kaj Malnovaj.)

# ESPERANTO EN BELORIZONTO

Belo Horizonto estis la sidejo de pli alia Esperanta evento.

Ĉi foje, laŭ novaĵoj entenataj en la du lastaj informiloj, estis la nacia kongreso por kies organizado zorgis la Belorizonta Esperanto Asocio.

De la alveno rimarkendis la taŭga maniero akcepti la kongresantojn alvenintajn amase.

Enskribiĝis en la kongreso 609 personoj, reprezentante preskaŭ ĉiujn ŝtatojn. Grande estis ĝia diskonigado per la televida, radia kaj aliaj amaskomunikiloj, inkluzive panelegoj distribuataj laŭlonge de la avenuoj de la minana ĉefurbo. (vd. foton).

Spite la vasteco kaj varieco de la programo, malmulte da tempo estis dediĉata por la diskutado, analizo de la enlanda movado kaj ĝia ebla reestrukturiĝo.

La inaŭgura cerimoniado okazis en la 17a tago, je la 20:30h, en la aŭditorio de la belega konstruaĵo de Instituto pri Edukado de Beolorizonto, kie disvolviĝis la eroj de la kongreso en la postaj tagoj. Ĉeestis la malfermon reprezentanto de la ŝtatestro Hélio Garcia, prezidantoj de BEJO, BEL, BKE kaj KKE, krom aliaj ceteraj kutimaj aŭtoritatuloj. Post la paroladoj, prezentadis la korus-teatro D.A.FACE, de Fakultato pri Ekonomio de Federacia Universitato de Minas, allogan kaj belan spetaklon plenan je koloro kaj movo.

En la 18a, ĵaŭde, la kongreso mem komenciĝis pere de paroladoj, intensiva kurso, debatoj, k.s. eroj okazantaj kongrese.

Okulfrapa kaj vekanta la publikan intereson

Daŭrigo sur la 8a paĝo




Panoramo de la marŝontoj antaŭ Instituto pri Edukado(MG)



Aspekto de la marŝantoj tra beloriozontaj stratoj.




Aspekto de la marŝantoj, sur la foto oni vidas unu el la frazojn legitan de la minanoj.




Unu el la panelegoj distribuitaj tra la ĉefurbo Belorizonto.

# MAFALDA


LASI LA INFANOJN LIBERE PENTRI HELPAS POR KE NI KONU ĈIUJN.




ĈAR LA PENTRADO MALKROVAS LA PERSONECON...




¡PTUAĴ!


MI DIRUS ,KE ĜIN KOVRAS !


MI KREDAS,KE MI LASIS LA FARBON KAJ PORTIS LA DENTKREMON

Konkludo

# ESPERANTO

KAJ LA TRIA MONDO.

Zhang Qicheng,
ĉina esperantisto.

Ni tutmondaj esperantistoj devas bone kompreni, varme simpatii kaj aktive subteni la trian mondon en ilia batalo por gajni tiun egalrajtecon. Kaj krome ni devas energie pligrandigi la forton de Esperanto por krei la necesajn kondiĉojn por disvastigo kaj aplikiĝo de nia kara lingvo en la vasta regiono de la tria mondo.

# Esperanto
## EN UNIVERSITATO

La Internacia lingvo iom post iom fariĝas konata elemento en Federacia Universitato de Paraiba.

Laŭ notico sendita el Campina Grande, Afonso Camboim vigle aktivadas por diskonigi Esperanton per siaj originalaj verkaĵoj aŭ versioj.

Dum spetaklo nomata Aranĝo pri Popola Muziko, okazigita de Arta Departemento, inter la kantistoj prezentiĝis Afonso Camboim kun la muzikoj: Eltransformiĝo (originalaĵo), Parabolo (originalaĵo) kaj imagu (versio). Ĉeestis la prezentadon ĉ. 150 personoj.

En alia freŝdata muzik-prezentado: X Nacia Festivalo de la Vintro (teatra, muzika kaj danca prezento) sceneje, Afonso Camboim kantas "Caminhando" - G. Vandre. Post la unua rekantaĵo eniras aktoro portanta la flagon de Esperanto. Tiam, "Caminhando" transformiĝas en Marŝante. Ĉi parto estis montrata de informfaka loka tv-stacio. 600 personoj el diversaj ŝtatoj ĉeestis la eventon.

# 8a BEJK

VIII BRAZILA ESPERANTISTA JUNULARA KONGRESO - BEJK
20-26 januaro 1986 - Porto Alegre-RS



Temo: ESPERANTO EN LA TRIA MONDO

Individua Aliĝo n-ro ________

Nomo ________________________

Adreso ________________________

________________________

Poŝtkodo ____________ Urbo ____________

____________ Ŝtato ____________

Telefonn-ro [ ] ____________ Naskiĝdato ___/___/___

Membro de BEJO: ( )jes ( )ne

KOTIZOJ

| kategorioj | | ĜIS 30 SEPTEMBRO | ĜIS JAN/86 |
|---|---|---|---|
| 1. BEJO-membro ĝis 30-j | : | 20.000 | 30.000 |
| 2. BEJO-membro pli ol 30-j | : | 25.000 | 37.000 |
| 3. Ne BEJO-membro | : | 35.000 | 53.000 |

Mi pagas Cr$ ____________ kiel aliĝon al la VIII BEJK en la kategorio ______, per ĉeko( ), poŝtmandato( ) al la kasisto de la kongreso:

WENCESLAU GONÇALVES
Rua Cel. Vicente, 408 - Ap. 1.005
90000 Porto Alegre - RS **F.(0512)21.2851**

Aliĝdato ___/___/___ Subskribo ________________

Aliaj informoj: KONGRESA KOMITATO
Rua Cel. Vicente, 408 - Ap. 1.005
90000 Porto Alegre - RS

estis la marŝado tra la ĉefaj kaj avenuoj kaj stratoj, de Instituto ĝis Placo Zamenhof. Portante afiŝojn, Esperantajn flagetojn, balonojn kaj entuziasmon, pli ol 400 personoj kuniĝintaj antaŭ la Instituto ekmarŝis sur la centra avenuo Afonso Penna, kantante esperante karnaval-muzikojn, ĥore kriante frazojn aŭ laŭdojn formulitajn de la megafon-parolanto rilate kaj al Esperanto. Ĉar dum la semajno de la kongreso kaj same preskaŭ ĉiutage vidiĝis surstrate porstrikaj marŝadoj, la pasantoj opiniis nin grupon da strikantoj. Tamen ni frakasis iliajn impresojn disdonante flugfoliojn sur kie legiĝis klarigoj pri la Internacia lingvo.

Ĵurnalistoj kaj televid-raportistoj dokumentis la marŝadon; tra la stratoj ni estis eskortitaj de la soldatoj.

Alveninte la placon, oni inaŭguris ŝildon omaĝe la kongreson kaj post tia longa piedirado ĉiuj serĉis lokon por konvena tagmanĝo.

Nokte okazis la balo Verda kaj Blanka ĉe salono de Fakultato pri Juro.

Dimanĉe matene en la salono de Instituto estis la solenaĵo de fermo de la kongreso kun la ĉeesto de membroj de la nacia movado ĉetable. La diligenta Marcus Tulio, vic-prezidanto de la LKK, legis la rezoluciojn de la kongreso kaj la ricevitajn telegramojn. Post tio, oni anoncis la sidejon de la venonta kongreso: Kuritibo. La reprezentantoj de Kuritiba Esperanto Asocio formale kaj simbole prenis la respondecon pri la venontjara evento. Aplaŭdinte varme la lokajn komitatanojn, oni stariĝis kaj emociplene kantis la himnojn.

Pli unu etapo finiĝis.

Ni lasas, ke vi mem konkludu pri la fruktoj, reagoj kaj ceteraj ecoj eltiritaj de ĝi por Esperanto.